


# ESPERANTO-AGADO MARTIN-JIHLAVA


## NIA UNUAJARA BILANCO

Ni — aparte — bilancis jam multfoje, sed nun — komune — la unuan fojon. Ĵus pasis la unua jaro de la ĝemeliĝo de Esperanto-rondetoj en la urboj Jihlava kaj Martin. Ni povas konstati, ke ĝi estis plensukcesa. Ni plenumis ĉiujn niajn planojn, kvankam ili — por komenco — ne estis tre multaj. Ni komune eldonis 5 numerojn de Esperanto-Agado. La premantan mankon de gramatiko forigis la instrutekstoj Fundamentoj de Esperanto. Ni havas jam eĉ leterpaperojn kaj kovertojn kun verda stelo kaj kun naci- kaj esperantlingva surskriboj. Ni kunlaboris kun Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato en Praha sur la kampo organiza, kaj ĉe la presado kaj redakcia kunlaboro pri Informoj de ĈSEK, neregula, naci— kaj esperantlingva bulteno.

La plej granda atingajo de la Jihlavanoj estis la sukcesa ekspozicio en Domo de Kulturo „Esperanto kaj Unesco".

Okaze de la jarkunveno de Uzina Klubo de Revolucia Sindikata Movado de Maŝinfabrikoj de Turiec, la Martina Esperanto-rondeto estis laŭde menciita inter la plej aktivaj interesrondetoj; la raporto de ĝia gvidanto Aŭgusteno Čambál estis envicigita inter la kontribuajojn al la ĝenerala diskuto pri la pasintjara agado. Ĝiaj tri aktivistoj (Čambál, Fr. Hupka, D-ro L. Izák) estis honorigitaj per libropremioj. K-doj Čambál kaj Hupka, estis elektitaj en la Uzinan Komitaton, kio signifas pluan firmigon de nia pozicio en Martin.

Kaj nun pri la nuna jaro. Esperanto-rondetoj ĉe Domo de Kulturo de Revolucia Sindikata Movado en Jihlava kaj ĉe Uzina Komitato de RSM Grafia 3 en Jihlava, por 1964 planas regulajn kunvenojn kun prelegoj esperantlingvaj de kleriga aŭ amuziga enhavoj kaj organizos kursojn de Esperanto. La rondeto ĉe Domo de Kulturo helpos ankaŭ ĉe aliaj aranĝoj de DK. Krome ĝi aranĝos publikan ekspozicion. Gi kunlaboros kun aliaj modelaj E-rondetoj kaj partoprenos esperantistajn kunvenojn en aliaj lokoj. Al la Domo de Kulturo ĝi helpos per 50 horoj de libervolaj laborbrigadoj.

Pri la planoj de E-rondeto en Martin ni skribas aliloke (vidu la artikolon Alvoko al kunlaboro). Ĉi tie ni nur menciu, ke ĝi proponis al sia Uzina Klubo 100 horojn de libervola laborbrigado. La propono estis akceptita entuziasme kaj fariĝis ekzemplodona por la ceteraj interesrondetoj, kiuj nun ankaŭ kunhelpos ĉe la finpretigo de la nova konstruajo de Uzina Klubo.

## ALVOKO AL KUNLABORO!

Helpu efektivigi nian ĉi-jaran laborplanon!

Post la pasintjaraj sukcesoj, Esperanto-rondeto en Martin ankaŭ ĉi-jare aranĝos diversajn entreprenojn, alireblajn al aliaj esperantistoj kaj favorantoj. Por informi tiujn, kiuj volas kunlabori, viziti diversajn entreprenojn, ekskursi, ni publikigas almenaŭ la plej gravajn aranĝojn.

1. Okaze de Pasko, do fine de marto, nian urbon denove vizitos dana redaktoro-esperantisto Johs. Vesterland-Andersen. Profitante ĉi tiun raran okazon, nia Uzina Klubo aranĝos publikan interbabiladon kun nia gasto. Ĉiu, kiu dezirus ĉeesti, tuj skribu al Esperanto-rondeto en Martin, poŝtfako 80 por povi ricevi invitilon kun precizaj dato kaj horo (verŝajne la 31-an de marto je la 15—17 horo).

2. Fine de aprilo Esperanto-rondeto en Martin jam la 3-an fojon aranĝos ekskursan kunvenon en la banloko Turčianske Teplice, en la Ripozdomo de nia Uzina Klubo. En la kadro de la kunveno okazos:

sabate la 25-an de aprilo, vespere — kultura programo, ligita kun la 15-a datreveno de Maŝinfabrikoj de Turiec;

dimanĉe, la 26-an de aprilo antaŭtagmeze — I-a aktivo de esperantistoj el Mezslovaka Regiono.

Detala programo estos frutempe diskonigita per apartaj invitiloj al ĉiuj, kiuj tuj anoncos al ni sian partoprenon.

3. Fine de aŭgusto, okaze de la 20-a datreveno de Slovaka Nacia Ribelo kaj malfermo de la nova konstruaĵo de nia Uzina Klubo, la rondeto aranĝos solenan kunvenon. En ĝia kadro okazos:

sabate vespere — solena akademio,

dimanĉe tuttage — aŭtobusa ekskurso al la memorlokoj de Slovaka Nacia Ribelo en la ĉirkaŭaĵo de Martin.

Por digne aranĝi la akademion ni jam nun komencis prepari ĉion necesan. Krom tio ni alvokas ankaŭ la ceterajn esperantistojn al kunlaboro. Kolektu kaj disponigu al ni taŭgajn poemojn, deklamaĵojn, prozaĵojn kaj aliajn konvenajn kulturajn programerojn. Se iu mem dezirus partopreni en la programo de la akademio, skribu al ni.

Krome ni petas vin, korespondu pri Slovaka Nacia Ribelo kaj nia preparata programo, kun viaj eksterlandaj gekorespondantoj, kaj invitu ilin viziti Slovakion. Petu la eksterlandajn samideanojn, kiuj eventuale aktive partoprenis la Slovakan Nacian Ribelon, pri iliaj travivaĵoj. Ĉiu ricevita materialo kaj dokumento estos utila por nia programo kaj samtempe ĝi estos tre grava kontribuaĵo al la historio pri la Ribelo, kiun oni amplekse preparas.

Al la preparata kunveno ni invitos ankaŭ eksterlandajn esperantistojn.

4. Meze de decembro, okaze de la 105-a datreveno de la naskiĝo de D-ro L. L. Zamenhof, la rondeto aranĝos solenan vesperon.

Ĉi tiun eltiraĵon el la ĉi-jara laborplano de Esperanto-rondeto en Martin ni publikigas tiucele, ke vi havu sufiĉe da tempo ĉion pripensi, decidiĝi, ŝpari monon, helpi al ni ĉe la preparlaboroj kaj poste viziti niajn aranĝojn.

La sukceso de niaj planataj entreprenoj baziĝas sur favora sinteno de nia Uzina Klubo kaj sur aktiva laboro de la membroj de nia rondeto. Viaj kunlaboro kaj vizito estos instigo por pluaj kuraĝaj planoj, precipe en la nova sezono, kiam ni eklaboros jam en la moderna konstruaĵo de nia Uzina Klubo!

Ek al la efika kunlaboro por venko de Esperanto!

Aŭgusteno Čambál.

EL BARDEJOV skribas k-do Inĝ. Milan Zvara, ke la tiea Esperanto-rondeto ĉe Kulturdomo kunvenadas ĉiumerkrede je la 19-a horo (5-7 personoj). Dume okazas du kursoj por la junularo. Estus eble organizi eĉ trian kurson, sed por tio al la rondetanoj mankas tempo. Ĉi-jare oni intencas kontaktiĝi kun polaj esperantistoj, loĝantaj proksime de la landlimo.

EN LA REGIONA URBO BANSKÁ BYSTRICA la 6-an de marto komenciĝis en kunlaboro kun Esperanto-rondeto en Martin — Esperanto-kurso por 11 gekomencantoj-plenkreskuloj. Organizas ĝin Parko de Kulturo kaj Ripozo kaj kredeble baldaŭ fondiĝos ankaŭ Esperanto-rondeto ĉe la menciita institucio.

Danko Estas neeble al mi danki skribe al tiom da afablaj gesamideanoj, kiuj rememoris min okaze de mia 80-iĝo. Mi petas pardonon, ke mi uzas tiun ĉi vojon por kore danki al ĉiuj kaj same bondeziri ĉion plej bonan, ĉefe sanon.

Julie Šupichová en Praha.

BROŠURO PRI GRANDA MORAVIO EN ESPERANTO Esperanto-klubo ĉe Parko de Kulturo kaj Ripozo en Brno dissendis la esperantlingvan publikaĵon de Ĉeĥoslovaka Akademio de sciencoj: „Granda Moravio“, kiun PKO en Brno eldonis okaze de la 1100-jara datreveno de alveno de la fratoj Cirilo kaj Metodio en Moravion. — La amaso de la dankleteroj al PKO atestas pri bone farita laboro kaj pri la granda intereso, vekita en eksterlando.

Popular-scienca geografia kaj vojaĝpriskriba monata revuo „Lidé a země“, aperigata en granda eldonkvanto de Ĉeĥoslovaka Akademio de sciencoj, en unua numero tiu ĉi jare publikigis tradukon el Esperanta originalo de konata vojaĝanto, montgrimpanto, verkisto Tibor Sekelj, el lia „Karavano de l' Amikeco“ tra afrikaj landoj, sub titolo: „Tra Somalio“. La artikolo renkontis grandan intereson de la legantaro.

ESPERANTO-RONDETO ĈE ZK ROH PARTIZÁN EN ŽIAR NAD/HRONOM pasintjare sukcese daŭrigis sian agadon per regulaj kunvenoj ĉiuvendredaj kun meznombro 9 de la partoprenantoj. La enhavo de la elmontrakesto informis pri la Esperantaj aktualaĵoj aŭ estis dediĉita al eventoj de publika intereso kiel ekz. la 19-a jubileo de Slovaka Nacia Ribelo, kaj la 10-jara datreveno de la fondo de la fabriko. — Kvar rondetanoj partoprenis la printempan ekskursan kunvenon 1963 en Turč. Teplice, kiun organizis Esperanto-rondeto en Martin. Geedzoj Fekete partoprenis la aŭtunan ekskursan kunvenon, organizitan de Esperanto-rondeto en Žilina. Krom tio ili partoprenis la 14-an Someran Esperanto-tendaron ĉe lago Balaton en Hungario, organizitan — kun kursoj — de la hungaraj fervojistoj-esperantistoj. Dum 4-14 de oktobro vizitis la rondeton du eksterlandaj gastoj: s-ano A. Klemm el Germana Demokratia Respubliko kaj s-ano Fekete el Hungario. Ili partoprenis du kunvenojn de la rondeto kaj la diskutojn pri la agado de Esperanto-rondetoj en iliaj kaj nia landoj. — En la jarfina plenkunsido k-do Fekete prezentis la agadraporton, en kiu li interalie parolis pri la skriba interkontakto kun la hungaraj esperantistoj en Székesfehérvár, kiu kredeble rezultigos ĝemeliĝon. —La plenkunsido elektis novan gvidantaron. Ĝia prezidanto estas s. J. Fekete, sekretario s. Buček, protokolistino s. Prachárová, kasistino Raniaková, kulturpropaganda referento s. Kankrini, kontrolistino s. Dirnbachová. — En la jarfina plenkunveno de la Uzina Klubo la rondeton reprezentis ges-anoj Fekete, Prachárová kaj Raniaková (la lasta estis proponita por premiigo). — Fine de oktobro komenciĝis kurso por komencantoj, gvidata de s. N. Barbier.

# METEORO DE PETRO KARVAŠ EN ESPERANTO ●

La sukcesan porpacan teatraĵon de slovaka dramverkisto Petro Karvaš eldonis DILIZA (Divadelné a literárne zastupitel'stvo) — Teatra kaj Literatura Reprezentado en Bratislava, Ulica Československej armády 31/III. — La teatraĵo estas multobligita en formato 21/30 cm kun unukolora kovrilo; ĝi ampleksas 60 paĝojn kaj kostas Kčs 13,—. Ni atentigas niajn legantojn, ke ili tuj mendu la teatraĵon ĉe Esperanto MARTIN p. p. 80. Tiel ili ne nur certigos por si la interesan teatraĵon, sed povas sendi ion valoran al siaj eksterlandaj korespondantoj. Krome ili subtenos la entreprenemon de DILIZA, kiu laŭ la sukceso de Meteoro estus preta eldoni ankaŭ la Esperantan tradukon de „Joĉjo Púĉik kaj lia kariero", sukcesa komedio de Ivan Stodola.




# EKSPOZICIO DE SAMIDEANO NACIA ARTISTO MARTIN BENKA

estis malfermita en Slovaka Nacia Muzeo en Martin la 18-an de januaro ĉi-jara. La ekspozicion inaŭguris per festparolado Francisko Štefunko, akademia skulptisto, meritita artisto. Ĝi entenas 200 bildojn el tiuj, kiujn Majstro Benka donacis al Ĉeĥoslovaka ŝtato. La inaŭguron korporacie partoprenis ankaŭ la martinaj esperantistoj, al kiuj poste alvenis ankaŭ la Majstro mem kaj invitis s-anojn Ĉambal kaj D-ro Izák al vizito, dum kiu estis priparolita plua kunlaboro kun nia Majstro kaj fervorega esperantisto. — La ekspozicio restos alirebla ĝis fino de junio.

VI CERTE BEZONAS LETERPAPERON KAJ KOVERTOJN KUN DULINGVAJ SURSKRIBOJ (esperanta kaj nacilingva). Tial vizitu Esperanto-rondeton en Martin. Ĝi kunvenadas ĉiumarde je la 19-a horo en la Uzina Klubo, Ul. Osloboditeľov, aŭ skribu je adreso: Esperanto poŝtkesto 80, Martin. Vi povas mendi la minimuman kvanton de 25 pecoj po Kčs 0,20.

## JUBILEO DE INFANA ĜOJO

La Marioneta Kolektivo „Maŝinisteto“ de Uzina Klubo de RSM de Maŝinfabrikoj de Turiec en Martin, festis la 10-jaran jubileon de sia ekzisto. Ĉi-okaze ĝi aranĝis ekspozicion por montri ne nur la ĝisnunajn historiojn kaj sukcesojn, sed ankaŭ la hodiaŭan kaj modernan nivelon de siaj prezentadoj kaj helpiloj. Ne estas eble elkalkuli la amason da teatraĵetoj originalaj, adaptitaj, tradukitaj, kaj la nomojn de ĉiuj, kiuj sinofere dediĉis sin al la gajigado, edukado, nobligado de la infana menso. Ni kore gratulas al ĉiuj amatoraj marionetaj teatristoj, kiuj mem plue diligente lernas, studas, interŝanĝas spertojn kaj konkuradas kun aliaj samfakaj grupoj, por fari sian laboron ankoraŭ pli bone, pli fake kaj pli plaĉe por sia danka publiko. — En iu el la sekvontaj numeroj ni tradukos la felietonon de k-do Kaňa pri la laboro kun marionetoj, aperigitan en la okaza broŝuro (ankaŭ por rekompenci lin pro lia spontana favora recenzo pri nia ekspozicio okaze de la jarkunveno de Uzina Klubo, aranĝita samtempe kun tiuj de la ceteraj interesrondetoj — filatelia, teatra, turisma ktp.).




(Eliz.)

## NI DANKAS AL LA TUTMONDA ESPERANTISTARO!

La jubileanta, 100-jara Matica Slovenská en Martin, la unua tutnacia kulturinstitucio slovaka ankoraŭ dum la nacia subpremo (poste oficiale ĉesigita), dissendis multajn invitilojn kaj propagandilojn al la eksterlandaj samfakaj institucioj, sciencistoj kaj al la samlandanoj. Ĝi ricevis multajn respondojn kaj belajn salutojn. Sed — laŭ la aserto de k-do Ďurovčík — la plej multajn kaj plej belajn ĝi ricevis — de esperantistoj tutmondaj!... Kiel tio estis ebla? Tute simple. Esperanto-rondeto en Martin tradukis la okazan broŝuron „100 jaroj de Matica Slovenská“ esperantlingven kaj dissendis ĝin laŭ la adresaro en la jarlibro 1963 de UEA. Kaj post nelonga tempo komencis alvenadi salutbildkartoj, leteroj de unuopuloj diversprofesiaj kaj de Esperanto-organizajoj.

Ĉiuj ricevintoj dankis ne nur pro la alsendo de la broŝuro kun almetitaj 3 folkloraj bildkartoj de nacia artisto kaj esperantisto Martin Benka (surhavantaj ankaŭ tekstojn de popolkantoj, esperantigitaj de Ján Valašťan Dolinský), sed ankaŭ pro tio, ke ili — helpe de la broŝuro — povis enrigardi en la kulturhistorion de la slovaka popolo, pri kiu ili sciis tre malmulte aŭ eĉ nenion. Samtempe ili anoncis aŭ promesis la diskonigon de la enhavo de la broŝuro ne nur en sia samideana medio, sed ankaŭ en la neesperantista (gazetoj, radio ktp.). Tiamaniere ili helpis al bona afero kaj plifirmigis ankaŭ nian pozicion, ĉar la bildkartoj, kiujn ni povis ekspozicii en Martin kaj parte en Banská Bystrica, vekis grandajn eĥon kaj interesiĝon. Esperanto pruvis, ke ĝi efike helpas kaj havas sindonajn adeptojn en la tuta mondo.

La plej multaj respondoj venis el Sovetunio, poste el Pollando, sed venis salutoj preskaŭ el ĉiuj kontinentoj. Salutis nur malmultaj ĉeĥaj gesamideanoj kaj plej malmulte la slovakaj. Nemirinde, ke ekestis ĝena demando: kie estas aŭ restas la ĉeĥoslovakaj kaj precipe la slovakaj esperantistoj?

RADIO PRAG, SENDUNG FÜR ÖSTERREICH (Radio Praha, disaŭdigoj por Aŭstrio) envicigis Esperanton kaj elsendas ĉiun lastan ĵaŭdon en la monato. Tiun ĉi elsendon vi trovos sur la meza ondo 233,3. en la programo de la 18,15 — 19-a horo ĉiam 10 minutojn antaŭ la 19-a horo. La programo por la unua duonjaro 1964 estis destinita jene:

30. 1. 1964 — Kion vi atendas de la Novjaro (laŭ la rezulto de la enketo, organizita inter la aŭskultantaro).

27. 2. 1964 — Julie Šupichová. multmerita pionirino de Esperanto-movado 80-jara.

26. 3. 1964 — Miloš Lukáš: Miaj rememoroj pri Aŭstrio.

30. 4. 1964 — Vizite ĉe gesamideanoj Bartošík.

28. 5. 1964 — Kio estas nova en niaj Esperantorondetoj.

25. 6. 1964 — Vizite ĉe Nacia artisto Martin Benka.

## KORESPONDI DEZIRAS

OLDŘICH VÁVRA, Divadelní 8, JIHLAVA, Ĉeĥoslovakio. Deziras interŝ. notojn kun tekstoj de popolkantoj, precipe kun Brazilo kaj Argentino.

STANISLAV BARTOVIC, PIEŠŤANY, Važska ulica 3050. Pri ĉ. t., interŝ. IPK kaj ilustr. gazetojn.

S-ino HAWA SALIM, E. A. Tobacco Co Ltd. P. O. Box 9114, DAR - ES - SALAAM, Tanganjiko.

16-jara lernanto de 9-a klaso. Pri ĉ. t., interŝ. IPK kaj fotojn de aktoroj. CORNEL GEVÜRTZ, Oras SINGEORZ BĂI, Raion Năsăud, Regiunea Cluj, Rominia.

IVAN DIMOV, kursgvidanto, Ljutibrodski 12, VRACA, Bulgario,pri ĉ. t., interŝ. IPK, gazetojn, librojn, lernolibrojn, propagandilojn k. s. Li serĉas ankaŭ gekorespondantojn por siaj grupanoj, gekursanoj kaj 13-18-jaraj gelernantoj. Respondo garantiata.

EMILIA IVANOVA, 15-jara lernantino, Str. Sergej M. Kirov 10, VRACA, Bulgario. Pri ĉiuj temoj.

MARGARITA IVANOVA, 16-jara lernantino, Str. Vejen 13, VRACA, Bulgario. Pri ĉiuj temoj.

PETRANKA GEORGIEVA, Ul. Maxim Gorkij 17, RUSE, Bulgario. Pri ĉiuj temoj.

MITKA G. MITECOVA, Ul. Izidor Ajzner 38, RUSE, Bulgario. 17-jara lernantino de 10-a klaso de gimnazio. Pri diversaj temoj kaj interŝ. IPK.

TEMENUGA KRAEVA, Skobelev 22, RUSE, Bulgario. 17-jara lernantino de 10-a klaso de gimnazio. Pri ĉiuj temoj.

USSR Ĉelabinska obl., g. UST-KATAV, Ul. Socialistiĉeska 69, KISELOVA VERA. 13-jara lernantino interesiĝas pri kino, libroj, fotoj de aktoroj, bildkartoj, sporto, muziko k. s.

USSR, Ĉelabinska obl., g.UST-KATAV, Ul. Kalinina 6a, LOŜAKOV VALERA AL. 18-jara lernanto interesiĝas pri kino, libroj, PM, IPK, sporto, muziko k. s.

USSR, Ĉelabinska obl., g. UST-KATAV, Ul. Tolstogo 10, ALEEV PAVEL IVANOVIĈ. 17-jara lernanto interesiĝas pri kino, PM, IPK, sporto, muziko k. s.

USSR, Luganskaja obl., g. POPASNAJA-4, Ul. Parĥomenko 27, VDOVICA PJOTR. Interesiĝas pri PM, IPK, muziko, noneroj kaj angla lingvo.

### INTERNACIA KORESPONDADO

La tre disvastigita kaj leginda gazeto „Nuntempa Bulgario", redaktata nur en Esperanto, aperas plu en sia oka eldonjaro 1964.

La gazeto publikigas senpage anoncetojn de *internacia korespondado.* Se vi deziras havigi al vi amikojn el diversaj mondpartoj, sendu poŝtkarton kun teksto de anonceto al *redakcio de „Nuntempa Bulgario", str. Levski 1, Sofio, Bulgario.*

# KIEL NI PAROLAS

Mi ĉeestis regionan kunvenon. Estante nur silenta aŭskultanto mi havis la eblecon noti en mian notlibreton kelkajn esprimojn. Kial? Ĉar malgraŭ tio, ke ilin eldiris gesamideanoj-aktivuloj de la movado, kiuj devus paroli laŭeble senerare, la esprimoj estis malkorektaj.

La eraroj estis de diversaj specoj. Kaj ĉar tiaj eraroj estas ofte aŭdeblaj en niaj verdaj vicoj, ni dediĉu al ili iom da atento.

1. Ĉiam ankoraŭ ni ne sufiĉe atentas la prononcadon kaj la akcentadon. Mi aŭdis: kurzo, ekskurzo, konverzacio (tiun ĉi vorton kun akcento sur la unua silabo!) kaj sekretário, sanatório — kun malĝuste akcentita kaj eĉ longege elparolita vokalo (kio ja faras la eraron des pli orelfrapa kaj ĝena).

2. Ankoraŭ ĉiam multaj Ĉeĥoj kaj sian gepatran lingvon malzorgeme uzantaj Slovakoj ne scias, ke estas diferenco inter **fini** kaj **finiĝi**, inter **komenci** kaj **komenciĝi**. Mi aŭdis: la ekspozicio finis . . .; . . . nun komencas nova sezono . . .; Ni memoru: začať **sa**, (s)končiť **sa** — komenci**ĝi**, fini**ĝi**; kun ili ĉiam staras nominativo!; začať, (s)končiť (niečo) — komenci, fini (ion); kun ili ĉiam staras akuzativo aŭ infinitivo.

Korekte do estas: la ekspozicio fini**ĝ**is . . ., nun komenciĝas nova sezono . . .

La ekspozicio komenci**ĝ**is (fini**ĝ**is); la prezidanto de la E-rondeto komencis (finis) sian inaŭrugan (ferman) paroladon.

3. Multaj ankoraŭ malkorekte uzas — aŭ tute ne uzas la akuzativon. Mi notis al mi:

„. . . doni en la gazeto tiu instigo . .“ Korekte devas esti: „. . . aperigi (= publikigi = lokigi) en la gazeto tiu**n** instigo**n**“.

„. . . dum la monato vi povas resti tiu ekspozicio ĉe vi . . .“ Tio verŝajne volas signifi: mesic si tu výstavu můžete nechat u vás. Sed korekte devus la frazo aspekti tiel ĉi: „. . . dum unu monato (aŭ: unu monaton) vi povas havi tiun ekspozicion ĉe vi . . .“

Ni ne forgesu, ke simplajn esprimojn de tempo — ĉu momenton aŭ daŭron — oni povas esprimi per simpla akuzativo. Do ni devas diri ne:

„. . . ĉiuj 14 tagoj aperas numero . . .“ sed ĝuste: „. . . ĉiuj**n** 14 tagoj**n** aperas numero . . .“

Kaj egale: ne „. . . lasta monato mi multe vojaĝis . . .“, sed korekte: „. . . lasta**n** monato**n** mi multe vojaĝis — (= dum lasta monato mi multe vojaĝis).

4. Ankaŭ tiuj, kiuj pensas nacilingve kaj poste vestas siajn pensojn en Esperantajn vortojn, faras multajn erarojn — precipe pro laŭvorta tradukado.

Ili forgesas, ke en Esperanto estas **nur unu negacio**, kaj diras „. . . ili **ne** havas **nek** unu kesteton . . .“ anstataŭ la korekta „. . . ili havas **nek** unu kesteton . . .“ (aŭ: ili ne havas eĉ unu kesteton . . . aŭ: ili havas eĉ ne unu kesteton).

Kaj egale, ne: „. . . mi **ne** povas promesi **nenion** . . .“, sed korekte: „. . . mi povas promesi nenion . . .“

Tradukante laŭvorte ili konstruas malgraciajn, laŭaspekte kaj laŭenhave neakcepteblajn parolturnojn sen internacia spirito. Do anstataŭ la esprimo „. . . kio estas necesa fari? . . .“ (kiu estas laŭvorta traduko de ĉeĥa „co je potřebné dělat?“) devas korekte esti: „. . . kio**n** estas necese fari? . . .“ aŭ eble „kio estas farenda? . . .“

„. . . neniu scias, ke **agas** pri Esperanto.“ — La aŭtorino de tiu ĉi perleto volas diri: „Nikdo neví, že se jedná o esperanto.“ Ŝi tradukas jednati, konati = agi. Se tiel, ŝi egale bone povus diri „. . . ke marŝas (aŭ iras) pri E.“ (= ze jde o E.). Ni memoru: jedná se o něco = jde o něco = je řeč o něčem = **temas** pri io! Do korekte estas: „. . . neniu scias, ke **temas** pri Esperanto.“

„. . . nuntempe **kuras** kurso . . .“ (= teď běží kurs) devas esti: „. . . nun (tempe) **daŭras** (= okazas) kurso . . .“ (El kurso kiu kuras verŝajne forkurus la kursanoj . . .)

„Mi helpis **malfermi** kurson . . ." (Ĉu la kurso estis fermita?) Korekte estas: „Mi helpis komenci kurson."

„. . . oni povas sen demando **gajni** informojn . . ." Jes, gajni = získat, sed gajni oni povas en loterio aŭ iu ludo; informojn oni **akiras, ricevas, havigas** al si. Tial: „. . . oni povas sen demando havigi al si, akiri informon . . ." aŭ simple kaj plej bone: informiĝi.

„. . . nenion helpas por ke ni tion uzas . . ." verŝajne volas diri: „Nic nepomůže, abychom to použili", sed tio eĉ nacilingve estas malkorekta. Se mi ne eraras, Esp-e la frazo devas esti tia ĉi: „. . . nenion helpas al ni uzi tion . . .", aŭ: „Nenion helpos, se ni tion uzos . . ."

„Mi volas ion **noti**" signifas: „Chci si něco poznamenat" (tj. písemně zaznačit). Dum „poznamenat — udělat (ústně) poznámku = rimarkigi. Do korekte ni diru: „. . . mi volas (ion) rimarkigi . . ."

Kaj jen ankoraŭ kelkaj malkorektaj vortkonstruoj:

baneja kolonado — korekte: baneja kolonaro

vitrajkesteto — korekte: vitrokesteto (vitrajkesteto — kesteto por vitrajoj)

mi estas certa — korekte: mi estas konvinkita (certa — istý, zaručený, určitý)

malpeza lernado, laboro — kesteto: facila lernado, laboro (peza — pezanta multajn kilogramojn).

5. Nombraj estas la pekoj kontraŭ la korekta uzo de prepozicioj: La frazoj

„El ČSSR veturas al Bulgario ĉiujare minimume 30.000 **da** turistoj" kaj „la ekspozicion vizitis en unu semajno 1200 **da** vizitantoj" estas malkorektaj, ĉar **post** nombro esprimita per **baza difina numeralo ne povas stari** da. Devas do esti: „. . . 30.000 turistoj . . ., 1200 vizitantoj . . ."

Sed male, en la frazo „Mi komencis lerni antaŭ du kaj duono de jaroj" devas esti **da** anstataŭ de, ĉar la nombro estas esprimita ne per baza numeralo, sed per numerala substantivo (du kaj duono), laŭ kiu sin direktas la prepozicio. Estus do necese diri: „. . . antaŭ du kaj duono **da** jaroj . . .", aŭ eĉ pli bone: „Mi komencis lerni antaŭ du jaroj kaj duono."

Oni ne diru „konsenti **kun** io" (souhlasit s něčím), sed konseti **pri** io." Kun — spolu s někým. Ni do diru: „Mi konsentas **kun** vi **pri** tio."

„Mi ne povas kalkuli **kun** li" volas diri: „Nemôžem s ním počítať." Sed kio estas tiuj ajoj, kiujn li kalkulas kaj kiujn vi volas kalkuli kun li? Ĉar vi volas esprimi, ke vi dubas pri iu koncerne ion, vi devus diri: „Mi ne povas kalkuli **pri** li."

„Ne rigardu **je** tio tiel nigre" estas denove laŭvorta traduko de „Nedívejte se na to tak černě." La uzo de „je" estas ĉi tie nenecesa, ja malkorekta; ni diru simple kaj bone: „Ne rigardu tion tiel pesimisme", aŭ „Ne vidu tion tiel nigra."

El la aŭditaj kaj de mi notitaj tiuj ĉi estas la plej priparolindaj. Mi scias, ankaŭ iuj gravaj aktivuloj de la internacia Esperanto-movado (ja eĉ iuj radioparolistoj de la Esperantaj elsendoj!) parolas mirige malkorekte, sed tio neniel rajtigas nin resti ĉe niaj eraroj. Ni estas aktivuloj ne de la internacia, sed de nia hejma movado, do ni devas klopodi paroli korekte! Mi akcentas — paroli! — ke ni ne nur skribu korekte, sed uzu la lingvon korekte ankaŭ buŝe, en kunvenoj kaj interparolo, kiam ni ne havas tempon relegi la parton de la skribita frazo. La korekta lingvo devas eniĝi en nian sangon. Nur tiel nia Esperanto estos vere viva.

Ve-Ga

---

ESPERANTO-ADAGO, metodologia helpilo I-III 1964
Redakcio: ESPERANTO, poštfako 80, MARTIN, Stredoslov. kraj, Ĉeĥoslovakio.
Administracio: ESPERANTO-GRUPO GRAFIA, JIHLAVA, Ĉeĥoslovakio.
Presis: GRAFIA, JIHLAVA, Povol. MěstNV 22-Va-64. Q-17*41 100